çiun inteligentan homon, kaj precipe ruson, pripensi dum nunaj funebraj tagoj la vivon de por eterne ekdorminta genio verkisto, kiu estas gloro kaj fiero de sia patrolando.

Grafo Leo Nikolaeviç Tolstoi naskiĝis la 9-an de sept. (28 aug.) 1828 en al çiu klera homo konata bieno Jasnaja Polana (Serena Prato), distrikto Krapivna, gubernio TULA, en tre antikva nobela familio, kies historio devenas de unu Germana emigranto de la XIV jarcento. Sian patrinon, naskita princino Volkonski, Leo Nikolaeviç preskau tute ne konis, do şi mortis kiam li havis la aĝon de tri jaroj, kaj Tolstoi-patro mortis kiam nia estonta verkisto estis nur 9 jara. La edukadon de la infanoj (kvar knaboj kaj knabinoj) prenis sur sin malproksima parencino T. A. Ergolskaja, kiu havis bonegan influon je ili. Çis la 16 jaro L. N. estis instruata hejme, sub la gvido de eksterlandaj edukistoj, kaj poste en la Kazana Universitato, kie li komence sin okupis pri la lingvoj, inter kiuj ankau pri orientaj; poste — pri la jurscienco. La kurson de Universitato li tamen ne finis, çar jam en la jaro 1847 li sukcese plenumis kelke da ekzamenoj en Peterburgo. Cetere, siatempe li serioze laboris çe profesoro Meier en Kazano pri la „Komparo d'Esprit des lois Montesquieu"*) kun la Ukazo de l'Imperiestrino Katarino II."

Dem la jaro 1847 ĝis 1851 li loĝas jen en la bieno Jasnaja Polana, jen en Peterburgo. En la komenco de la kvindekaj jaroj li servis kiel junkro en Kaukazo.

En la jaro 1854, promociita en la oficiran rangon, Tolstoi estis sendita Krymon, kie li partoprenas al la batalon çe Rio Nigra kaj la defendon de Sebastopolo. La priskribon de çio, kion li travivis en tiu epoko, ni trovas en la novelo „Kozakoj" kaj en la famekonataj „Rakontoj pri Sebastopolo", kiuj turnis sur sin seriozan atenton; ankau en lia „Infaneco", publikita en „Современникъ" Samtempulo en 1852. En 1856 L. N. forlasas la militservon kaj revenas Peterburgon. La literaturista societo lin akceptas kiel sian anon: çiuj eminentaj verkistoj traktas lin tre kore kaj promesas al la juna oficiro brilantan literaturan karieron. Post la unuaj provoj aperas „Knabeco", „Juneco", „Memorskriboj de Bilarda Markisto", „Tri mortoj" kaj ceteraj verkoj.

En 1857 li veturas eksterlandon kaj vizitas Parizon, Svisujon kaj Germanujon. La impresoj de Svisujo rebrilas interalie en lia novelo „Lucerno". Sekvante latinan proverbon Tolstoi nenion homan opinias malpropra: dum la fino de la kvindekaj jaroj en lia vivo estis sufiçe da malkvieta forlogiĝo: la kartoj, dandeco, sensorga societa vivo, gimnastiko kaj tiel plu. Sed jam en tiu preterita tempo liaj çefaj interesoj çiam lin logas al la kamparo.

Post la reveno el sia dua vojaĝo, farita en 1860, vizitinte la urbojn: Kisingeno, Hiero, kie mortis dum lia çeesto lia plej amata frato Nikolao kaj estis verkita la novelo „Kozakoj", Marselo, Genevo, ankau Italujon, Parizon, Londonon, Belgujon kaj Germanujon, Tolstoi revenis sian patrujon ĝuste al la momento de la liberigo de la vilaĝanoj. Dem tiu momento la jam fama verkisto fiksis sian agadon al la provinco: dum kelke da jaroj li plenumas oficon de pacig-interpretisto; verkas vicon da artikoloj pedagogiaj; mem lernas geknabojn en provinca lernejo; redaktas kaj publikigas revueton: Ясная Поляна, „Serena Prato" elmontras grandegan energion, klerigante la malkleran popolamason de j'us liberigita vilaĝanaro. Liaj pedagogiaj opinioj estas konataj sufiçe. Oni povas ilin konsenti au ne konsenti, sed oni ne povas nei, ke çiuj liaj primtezoj en tiu regiono staras sur la plej humana fundamento.

En 1862 Tolstoi edziĝis de Sofio Andreevna, filino de doktoro Bers. La edziĝo ankorau pli forte fiksis lian ligon kun la provinco kaj kun lia kampara hejmo, iom malligita de influo de lia malsano, kies kuracado postulis kumisan reĝimon en Samara gubernio kaj de neiga rilato de oficistaro al lia pedagogia agado. Lia vivo eniras definitivan, kvietan fluejon. Aperas la epoko de kreado de glorfamaj verkoj farintaj lian nomon eminenta. Kolektante la materialojn por la intencita de li romano „Dekabristoj", Tolstoi direktas sian atenton al la epoko de Patruja Milito kaj en „Rusa Invalido" 1865—1869 publikigas serion da epizodoj el sia kolosa lau la plano kaj plenumo epopeo „Milito kaj Paco". Li rekomencas sin interesi kaj labori pri la mastrumo kaj pedagogio; aranĝas en sia bieno

*) Духъ Законовъ. „Spirito de la leĝoj" de Monteskiö. Tradukita en rusa lingvo de Hornfeld. S. Peterburgo, 1900.

lernejon; legas lecionojn al provincaj instruistoj kaj tiel plu. Samtempe Tolstoi senĉese kaj fervore instruas siajn proprajn infanojn, kies edukadon li penas plenumi plej eble racie. La jaroj 1873—1877 estas la tempo de la pleja disfloro de lia talento, kiam Tolstoi kreis sian plej eminentan verkon: la romano „Anna Karenin".

Dem la mezo de la sepdekaj jaroj en la intelekto de Tolstoi komenciĝis esenca ŝanĝo, kiu kondukis lin al la rigora neo de la kulturo en la socia kompreno de tiu vorto. La karaktero de liaj verkoj, same lia vivmaniero, akiras strangan, originalan nuancon de profetema idealismo lau la direkto de plena persona rezignacio; de malŝato de ĉiu vivkomodo; de religia kaj filozofia kontemplacio*). Dufoje, en 1877 & 1881, li pilgrimas al Optina monaĥejo, la lastan fojon eĉ muĵikvestite, piedire, kun sako surŝultre. La karitato kontrau la malriĉaj, plej intima studado de la popola religia kulto, diskutado kun sektantoj - skismanoj — jen estas la nunaj punktoj de lia ĉefa atento, al kiuj li volonte kaj daure fiksas siajn spiritajn fortojn. Se li partoprenas tiam iunajn praktikan agadon, nur kiam li povas el sia intuitiva vidpunkto doni al ĝi idealan karakteron, ekzemple statistika revizo de loĝantoj en Moskvo en 1882. En 1877 estis finita lia „Konfeso"; en la komenco de la okdekaj jaroj aperis la popolaj rakontoj: „Kiel la homoj vivas" k. c.

De simila ideala karaktero estas penetritaj la dramo „La potenco de la Malklero", la komedio „La Fruktoj de l'Edukado" kaj ceteraj eposaj verkoj: „Tolmezuristo", „La morto de Ivan Iljiĉ", „Kreuzera Sonato", „La Mastro & Laboristo", „Reviviĝo". La komenco de la XX centjaro koincidas lian disakordon kun la eklezio, kies finalo estas la fama akto de l'ekskomuniko de grafo Tolstoi el la grek-ortodoksa eklezio la 7 de marto (22 februaro) 1901.

La lastaj jaroj de lia vivo, dem la malsano, kiu postulis la vojaĝon en Krymon, estas konataj al ĉiuj. Mirinde forta spirite, la mortinto estis eminenta ankau pro sia fizika forto. Sed la maljunaĝo kaj la travivitaj afekcioj nerimarkite plenumis sian laboron — kaj la dudekan (sepan) de novembro 1910 traflugis Ruslandon kaj la tutan mondon la funebra nuvelo pri la morto de saĝega filozofo, spirita giganto, nuntempa Diogeno, antau sia morto refoje vizitinta la monaĥejon de Optina ermitejo.

Flankelasante la religiajn kaj filozofiajn opiniojn de Leo Tolstoi, ni ne povas tamen preterpasi senatente la esencon de karaktero de lia genio artista. Oni diras kutime, ke iu verkisto donis tion, ke lia kremaniero estas karakterizata de tiaj au de aliaj trajtoj de lia genio, ke li estas forta koncerne tio kaj malforta koncerne alio Leo Tolstoi, se oni dezirus insisti, en siaj verkoj donis preskau nenion speciale originalan kaj novan. La skolo de la natura morala idealismo jam antau li estis prezentita de eminantaj reprezentantoj. Li sekvis sendispute la paŝojn de Puŝkin kaj Gogol. Sed sur tiu vojo li faris etapon pluen tiom kolose grandegan, montris al la mondo tiajn miraklojn de transfiguriĝo kaj malkaŝis tiajn misterojn de l'animoj de de li kreitaj personaĵoj, ke certe ne estas facile diri, ĉu estas eble iri ankorau pluen en tiun direkton! „La vera heroo de mia novelo", diras Tolstoi en unu el siaj Sebastopolaj rakontoj, — estas la Vero." Ŝajnas ridinde simpla. Tamen neniu antau li kaj certe ankau neniu post li donis al ni eblon tiom animoplene, tiel mirinde senteble kaj intime percepti kaj kompreni tiun veron de la realaĵo. Liaj plej emimentaj verkoj: „Anna Karenin", „Milito & Paco", „Sebastopolaj Rakontoj", „La Morto de Ivan Iljiĉ", „Tri Mortoj" por eterne restos idealoj de la krearto.

Ili enhavas neelĉerpeblan ejon de la plej perfektaj fortoj de la popola spirito, neimitebla revelacio*) de homaj virtoj kaj malvirtoj, de majesta grandeco kaj trivialeco, de homa ĝojo kaj kora doloro. En tiuj verkoj li rakontas al ni la veraĵon de sia vivo, li riĉa de sperto, afekcio kaj zorgoj. Kaj kiom da tiu vero reala! Nur la genio povas penetri la ujon de la internaj rilatoj, fari sentebla la realecon de siaj imaĝoj kaj bildoj ĝis la plej malgrandaj detaloj, ĝis apenau rimarkebla impulso!

La verkoj de grafo Leo Tolstoi estas tradukitaj preskau ĉiulingve. Lia glora famo

*) Созерцаніе, contemplation, contemplation, Anschauen, Anschauung.

*) Откровеніе, revelation, révélation, Offenbarung.

flugas malproksime ekster la limoj de Ruslando, lia patrujo. Kie ajn estas intelektoj kapablaj senti, kaj ŝati geniecon de talento, tie ĉiam vivos la intereso al la verkoj de Tolstoi.

Oni ne povas dubi ke la nebula mateno aperinta super la malproksima provinca kaj malmulte konata stacio Ostapovo, lokita ie en la stepa vasto de nia patrujo, forŝiris el nia mondo unu el la plej eminentaj verkistoj-artistoj, kiu apartenas al ĉiuj epokoj kaj landoj!

Nia tasko estas sekvi liajn edifojn. Forĵetinte ĉion, kio en lia vivo, precipe dum la lastaj jaroj, estis nur duma, loka, provizora, ni konceptu de nia spirita okulo tion, kio estas la ĉefa, plej grava en lia kreprocedo, kion ni povas ĝui sukcesinte penetri la spiriton de lia evangeliado: senlace kaj senprokraste ni penu kulturi kaj plibonigi en nia interno la animon de Homo.

---

# LITERATURA FAKO.

## Leonido Andreev.

## BEN-TOVIT.

(1905)

En tiu terura tago, kiam fariĝis tutmonda maljustaĵ'o, kaj sur Golgoto, meze de rabistoj, estis krucumita Jezuo Kristo, — tiun tagon de l'mateniĝo mem al la jeruzalema komercisto Ben-Tovit netolereble ekdoloris la dentoj. Ĝi komenciĝis ankorau antauvespere: iom ekdoloretis la dekstra makzelo, kaj unu dento, la lasta antau la dento de saĝeco, kvazau iom levetiĝis, kaj kiam ĝin altuŝadis la lango, ĝi donis apenauan dolorsenton. Post manĝado, tamen, la doloro plene kvietiĝis, kaj Ben-Tovit tute ĝin forgesis kaj trankviliĝis, — tiutage li estis profite interŝanĝinta sian maljunan azenon je juna kaj forta, estis tre gaja kaj ne atribuis grandan signifon al la minacaj simptomoj.

Li dormis ankau tre bone kaj senvekiĝe, tamen j'us antau la tagiĝo io komencis lin maltrankviligi, kvazau iu lin vokus pro ia gravega afero, kaj kiam Ben-Tovit vekiĝis, — doloris liaj dentoj, doloris malkaŝe kaj kolerege, per tuta pleneco de akuta, boranta doloro. Kaj ne estis jam eble kompreni, ĉu doloras la hieraua dento, au ĝin aliĝis aliaj: la tuta buŝo kaj la kapo estis plenaj je terura dolorsento, kvazau oni devigus Ben-Toviton maĉadi milon da brulruĝigitaj akraj najloj. Li prenis en la buŝon iom da akvo el kruĉo, —por minuto la dolorfuriozo malaperis, la dentoj ekpinĉiĝis kaj onde ekbalancetiĝis, kaj tia sento estis eĉ agrabla kompare kun la antaua. Ben-Tovit ree kuŝiĝis, rememoris pri la nova azeneto kaj ekmeditis, kiom feliĉa li estus, se ne tiuj dentoj, kaj volis ekdormi. Sed la akvo estis varma, — kaj post kvin minutoj la doloro refariĝis ankorau pli furioza ol antaue kaj Ben-Tovit sidis sur sia lito kaj balanciĝadis kiel pendolo. Lia tuta vizaĝo sulkiĝis kaj kuntiriĝis al la granda nazo, kaj sur la nazo, paliĝinta pro doloro, densiĝis guteto da malvarma ŝvito. Tiamaniere, balanciĝante kaj ĝemante pro doloro, li renkontis la unuajn radiojn de tiu suno, al kiu la sorto destinis vidi Golgoton kun tri krucoj kaj mallumiĝi pro teruro kaj malĝojego.

Ben-Tovit estis bonkora kaj honesta homo, malŝatanta maljustecon, sed, kiam vekiĝis lia edzino, li, apenau malfermante la buŝon, eldiris al ŝi multe da malagrablaj'oj kaj plendis, ke oni lin forlasis sola, kvazau ŝakalon, por ĝembleki kaj konvulsiiĝadi pro turmentoj. La edzino pacience akceptis la nemeritita jn riproĉojn, ĉar ŝi sciis, ke ne el malbona koro ili devenas, kaj alportis multajn bonegajn kuracilojn: purigitajn ratekskrementojn, almetotajn al la vango, akran skorpitinkturon kaj autentikan ŝtonpeceton de la ordontabulo, disrompita de Moseo. Post ratekskrementoj fariĝis iom pli bone, sed ne por longa tempo, same — post tinkturo kaj ŝtoneto; tamen ĉiufoje, post tempa plibonigo, la doloro revenadis kun nova forto.

Kaj dum mallongaj minutoj de ripozo Ben-Tovit sin konsoladis per penso pri la azeneto kaj revadis pri ĝi; sed kiam fariĝis pli malbone, li ĝemis, koleris kontrau la edzino kaj minacis, ke li disrompos sian kapon kontrau ŝtono, se la doloro ne kvietiĝos. Kaj ĉiam li marŝis el unu angulo al alia sur la plata tegmento de sia domo, hontante proksimiĝi al ĝia ekstera rando, ĉar tuta lia kapo estis envolvita per tuko, kiel ĉe virino. Kelke da fojoj lin alkuradis liaj infanoj kaj per rapidemaj voĉoj rakontis ion pri Jezuo el Nazareto. Ben-Tovit haltis, dum momento ilin auskultis, sulkiĝinte la vizaĝon, sed post tio, kolere piedfrapinte, forpelis ilin: li estis bonkora homo kaj amis la infanojn, sed nun li koleris, ke ili trudas lin per ĉiaj ajn bagateloj.

Estis ankau malagrable, ke sur la stratoj kaj najbaraj tegmentoj kolektiĝis homamaso, nenion faranta kaj scivole rigardanta Ben-Toviton, envolvitan per tuko, kvazau virino. Kaj li jam intencis malsupreniri, kiam la edzino diris al li:

— Rigardu, jen oni kondukas rabistojn. Eble, tio vin distros.

— Lasu min, mi petas. Ĉu vi ne vidas, kiom mi suferas? — kolere respondis Ben-Tovit. Sed en la paroloj de la edzino sonis malpreciza promeso, ke la dentdoloro eble malaperos, kaj nevole li aliris la parapeton. Flankenklininte la kapon, ferminte unu okulon kaj subapogante la vangon per la mano, li ekfaris malŝate-ploreman mienon kaj ekrigardis malsupren.

Sur mallarĝa strato, supreniranta al monto, senorde moviĝis grandega homamaso, envolvita de polvo kaj senintermanka kriado. En ĝia mezo, kurbiĝante sub la pezo de krucoj, sin movis la ekzekutotaj, kaj super ili volviĝadis, kvazau nigraj serpentoj, la vipoj de romaj soldatoj. Unu — tiu kun longaj blondaj haroj, en disŝirita kaj sangmakulita hitono — ekfaletis pro ŝtono j·etita sub liajn piedojn kaj falis teren. La krioj fariĝis pli lautaj, kaj la homamaso, simile je diverskolora marakvo, kuniĝis super la falinto. Ben-Tovit subite ektremis pro doloro, — en la denton kvazau iu estus eniginta brulruĝigitan kudrilon kaj ĝin turninta; li ekĝemis: u — u — u, kaj, malŝate-indiferenta kaj kolera, li foriris de la parapeto.

— Kiom ili kriegas! — li diris envieme, imagante la larĝe malfermitajn buŝojn kun fortikaj nedolorantaj dentoj, kaj kiel li mem kriadus, se li estus sana. Pro tiu imagaj·o la doloro ekfurioziĝis, kaj li rapide ekbalancis la kapon, blekante: m-u-u....

— Oni rakontas, ke Li sanigis blindulojn, — diris la edzino, ne foririnta de l'parapeto, kaj j·etis ŝtoneton tiudirekten, kie malrapide iris Jesuo, per vipoj igita sin levi.

— Jes, certe! Li sanigu jen mian dentodoloron, — ironie respondis Ben-Tovit kaj inciteme-maldolĉe aldonis: — kiel ili polvas! Tute kiel brutaro! Oni devus ilin ĉiujn dispeli per bastonoj! Forkonduku min malsupren, Sara!

La edzino montriĝis prava: la spektaklo iom distris Ben-Toviton, sed, eble, fine helpis la ratekskrementoj, kaj li sukcesis ekdormi. Kaj kiam li vekiĝis, la doloro estis preskau malaperinta, kaj nur sur la dekstra makzelo ekŝvelis absceseto, tiom malgranda, ke ĝi estis apenau rimarkebla. La edzino diris, ke ĝi estas tute ne rimarkebla, sed Ben-Tovit ruze ridetis: li sciis, kiom bona estas lia edzino, kaj kiel ŝi ŝatas diri agrablaj·ojn. Venis najbaro, la ledisto Samuelo, kaj Ben-Tovit kondukis lin rigardi la novan azeneton kaj kun fiereco auskultis la fervorajn laudojn al si kaj al la besto.

Poste, lau peto de la scivolema Sara, ili triope iris al Golgoto por vidi la krucumitojn. Survoje Ben-Tovit rakontis al Samuelo de la komenco mem, kiel li eksentis hierau ioman doloreton en la dekstra makzelo, kaj kiel poste, dumnokte, li vekiĝis pro terura dolorego. Pro videbligo li faris suferplenan mienon, fermis la okulojn, skuis la kapon kaj ĝemis, kaj la grizbarba Samuelo kondolence balancis la kapon kaj diris:

— Aj - aj - aj! Kiel dolore!

Al Ben-Tovit plaĉis la aprobo, kaj li ripetis la rakonton; poste li revenis al tiu malproksima tempo, kiam difektiĝis ankorau lia unua dento, malsupra de la dekstra flanko. Tiamaniere, en vigla konversacio, ili alvenis Golgoton. La suno, kondamnita por lumigi la mondon en tiu terura tago, jam estis subirinta post malproksimaj montetoj, kaj en la okcidento ardis, kvazau sanga postsigno, mallarĝa purpure-ruĝa strio. Sur ĝia fono malprecize mallumis krucoj, kaj ĉe malsupro de la meza kruco neklare blankis iuj surgenuiĝintaj figuroj.

La popolo jam delonge estis disirinta; fariĝis malvarme; pase rigardinte la krucumitojn, Ben-Tovit prenis Samuelon je la brako kaj delikate lin turnigis al la hejmo. Li sentis sin aparte elokventa, kaj li volis finrakonti pri sia dentdoloro. Tiamaniere ili iris, kaj Ben-Tovit, akompanata per kunsentaj kapskuoj kaj ekkrietoj de Samuelo, faris suferplenan mienon, balancis la kapon kaj lerte ĝemis, — kaj el profundaj intermontoj, el malproksimaj sunbruligitaj ebenaj·oj sin levis nigra nokto. Kvazau ĝi volus kaŝi el la rigardoj de l'ĉielo la kolosan krimon de l·tero.

Esperantigis
Dro ANDREO FIŞER (Tifliso).

# FAJREROJ.

FELIÇO.

Poezio en Prozo.

Kiu estas al ni pri feliço la revon dirinta? Kiel, kiam alflugis ĝi tiun-çi mondon? Çi alflugis, ĝi flirtas kvazau reĝino senzorga, çiujn allogas, forprenante de çiuj trankvilon.

Multe, multege da jaroj pasis depost la tempo grize-antikva! Kiom da homoj ree la tero jam estas glutinta: dem la lulilo, kvazau hela fantomo, logis ilin feliço kaj ili en kruda penado siajn fortojn konsumis.

Vivis homoj.... aspiris.... suferis.... çiuj pri la feliço revante; sed el ili neniu ĝin konis. Kaj la revo alloge çiam regis supere — kaprica, belega, sunbrila, kvazau lumo flagranta de senkorpaj radioj.

„Riga Kurorto.“ Esperantigis V. ŞMURLO.

## Статистика. — Statistiko.

Число делегатовъ У. Э. А.

Jen estas, je la 1-a de oktobro, la nombro de la Delegitoj U. E. A., grupigitaj lau la landoj:

| | Lokoj | | Lokoj |
|---|---|---|---|
| Francujo, | 163 | | 826 |
| Germanujo, | 111 | Hindujo, | 6 |
| Austrio-Hungarujo, | 88 | Alĝerio, | 5 |
| Granda Britujo, | 78 | Kanado, | 5 |
| Rusujo (kun Siberio), | 71 | Danujo, | 4 |
| Hispanujo, | 63 | Rumanujo, | 4 |
| Usono, | 52 | Meksikujo, | 3 |
| Svisujo, | 31 | Serbujo, | 2 |
| Belgujo, | 26 | Kolombio, | 2 |
| Italujo, | 23 | Japanujo, | 2 |
| Australio, | 21 | Egipto, | 2 |
| Svedujo, | 19 | Montenegro. | 1 |
| Nederlando, | 16 | Argentino, | 1 |
| Bulgarujo, | 13 | Urugvajo, | 1 |
| Brazilo, | 9 | Venezuelo, | 1 |
| Antiloj, | 9 | Tonkino, | 1 |
| Turkujo, | 7 | Filipinoj, | 1 |
| Finlando, | 7 | Insulindo, | 1 |
| Portugalujo, | 7 | Mandj·urio, | 1 |
| Norvegujo, | 6 | Sud-Afriko, | 1 |
| Grekujo, | 6 | Madagaskaro, | 1 |
| | 826 | Sumo, | 871 |

# RIDFAKO.

**C·u Lingvo Internatia estas necesa?** Unu sinjoro vojaĝis el Europo en Hinujo. Foje, en malgranda gastejo, dum la vespermanĝo aperis sur la tablo rostaj·o, kiun li rigardis kun suspekto. Çar li ne sciis eç unu vorton el la hina lingvo, li demandis la gastiganton:

„Miau?“

La hino nee balancis la kapon kaj diris trankvilige:

„Vauvau!“ Marie Hankel.

**Post pluvado,** — Loĝanto: Sinjoro dommastro, la kelo apartenanta al mia loĝejo estas plena je akvo. — Dommastro: Nu, por la malkara luprezo, kiun vi pagas al mi, mi ne povas ĝin plenigi je vino.

„Juna Esperantisto.“

## Хроника. Kroniko.

*Мы убѣдительно просимъ всѣ группы, равно какъ и отдѣльныхъ лицъ, присылать намъ акуратно къ 15-му числу каждаго мѣсяца краткія свѣдѣнія и отчеты о ихъ дѣятельности и успѣхахъ Эсперанто въ ихъ городѣ или раіонѣ.*

*Ni tre petas c'iujn grupojn, kiel izolitajn samideanojn, ke ili sendu al ni, kiel eble plej akurate, ne pli malfrue ol la 28-an de c'iu monato, mallongajn raportojn pri ilia agado & pri la progresoj de Esperanto en ilia urbo au regiono.*

MOSKVO. La 4/17-an de oktobro estis solene inaugurita Moskva Esperanto-Instituto, kies Direktoro estas S-ro A. Saharov, nia fervora kunbatalanto kaj Redaktoro de „la Ondo de Esperanto“.

Въ настоящее время въ Москвѣ существуетъ 7 типографій снабженныхъ шрифтомъ Эсперанто; а въ Ригѣ? ....еще нѣтъ ни одной.

Nova adreso de Moskva Societo Esperantista, kies Prezidanto nun estas N. Korzlinski: Moskvo. 3, Lubianski Proezd, loĝ. 34.

С. ПЕТЕРБУРГЪ. По иниціативѣ Т. Щавинскаго, автора лучшаго русскаго учебника языка Эсперанто, въ Петербургѣ образовалось литературное общество „Verda Radio" (Зеленый Лучъ), которое, кромѣ пропаганды языка Эсперанто, намѣрено заняться изданіемъ переводовъ русской классической литературы, а также издавать періодическій литературный сборникъ оригинальныхъ статей на языкѣ Эсперанто. Среди учредителей этого общества мы встрѣчаемъ Щавинскаго. Евстифѣева и др. хорошо извѣстныя въ мірѣ Эсперантистовъ имена.

S. PETERBURGO. Lau la iniciato de S-ro T. Ŝçavinski, autoro de la plej bona lernolibro de la lingvo Esperanto por la Rusoj, estas organizita literata societo „Verda Radio", kiu, krom la propagando de nia lingvo, ankau intencas eldoni la tradukojn de la klasika rusa literaturo kaj publikigi periodike literaturan almanakon, kiun eniros nur originalaj verkoj. Inter la fondintoj de la societo oni vidas la nomojn de S-roj T. Ŝçavinski, N. Evstifeev kaj ceteraj eminentuloj de la rusa esperantistaro.

РИГА. Хорошо извѣстный Рижской публикѣ книжный магазинъ К. Г. Зихмана открылъ спеціальный отдѣлъ эсперантской литературы.

КРАСНОЯРСКЪ. При книжномъ магазинѣ Лукоянова открытъ складъ изданій на яз. Эсперанто.

## BIBLIOGRAFIO.

*Riga Stelo raportos pri novaj verkoj, kiam la Redakcio donace ricevis du ekzemplerojn. La verkoj markitaj per steleto estas riceveblaj de C. J. Sichmann Librejo. Riga, Teatrastr. 9.*

*Звѣзда Риги будетъ сообщать о всѣхъ книгахъ присланныхъ въ даръ Редакціи въ двухъ экземплярахъ. Книги помѣченныя звѣздочкой можно получать черезъ книжный магазинъ К. И. Зихмана. Рига, Театральная, 9.*

J. PORUKS. La Vakciniuja Krono Novelo; kun permeso de l'autoro el latva lingvo tradukis P. Kikau. Kolekto de „Lingvo Internacia". Prezo Sm 0,30.

ESPERANTO, oficiala organo de U. E. A. Содержаніе № 89, 5 XI 1910: О жизни нашего языка. Рѣчь, произнесенная г. E. Privat, на I Конгрессѣ У Э А въ Аугсбургѣ. — ОБЩЕСТВЕННАЯ ЖИЗНЬ: Торговля. Маніокъ. — Географія. По порогамъ Ніагары въ моторной лодкѣ. — Конгрессы и Праздники. X Международный Конгрессъ Географіи. — Воздухоплаваніе. Авіація и Деньги. — Всемірная литература. Марія Конопницкая (Некрологъ). — Идеи и факты. Республика въ Португаліи. Изъ современной исторіи Турціи. О реформѣ календаря. Хронологія. Факты. — Оффиціальный бюллетенъ У. Э. А. Сообшенія изъ эсперантійскаго міра. — Эсперантійская Арена. Воззваніе къ собирающимся посѣтить Италію въ 1911 году. Эсперантисты не дремлятъ! Международная Лига инженеровъ-эсперантистовъ. Спорты для эсперантистовъ. Изъ жизни эсперантіанъ. Къ нашимъ читателямъ. — Изъ міра Варіэтэ. — ФЕЛЬЕТОНЪ: Изъ Эсперантской Литературы.

ESPERANTO, oficiala organo de U. E. A. Содержаніе № 90, 20 XI 1910: Къ нашимъ читателямъ. — ОБЩЕСТВЕННАЯ ЖИЗНЬ. — Географія. Ужасное разрушеніе. — Выставки. Мысли о всемірной выставкѣ. — Идеи и факты. Смерть великаго филантропа: Генри Дюнанъ, и Красный Крестъ. О Турціи. Изъ Босніи Герцеговины. Международная охрана птицъ. Международный Земледѣльческій Институтъ въ Римѣ. Организація міра по проф. Оствальду. Международная охрана рабочихъ. Хроника. Факты. — Оффиціальный Бюллетень У. Э. А. Что наши читатели думаютъ объ Эсперанто. Эсперантійскій конкурсъ. Эсперантійскій Щитъ. Изъ эсперантійскаго міра. По округамъ. Второй Конгрессъ У. Э. А. — Къ нашимъ читателямъ, Почему розничная продажа нумеровъ Эсперанто должна прекратиться? — Изъ жизни эсперантіанъ. — Эсперантійская Арена. Вокругъ свѣта при помощи Эсперанто и У. Э. А. Ко всѣмъ эсперантистамъ въ Германіи. Французскія Торговыя Палаты и Эсперанто. — ФЕЛЬЕТОНЪ. Страданія юнаго Вертера. Соч. В. Гете. Эсперантское Движеніе.

En la N 11 „La Ondo de Esperanto" citas la verkojn de Leo Tolstoi jam publikitajn en Esperanto:

„Dio çiam Veron vidas, sed ne tuj ĝin aperigas", trad. J. Lojko. Biblioteko de la lingvo internacia Esperanto N 80. Nurnbergo 1895.

„Unua Brandfaristo", trad. A. Burenkov. Biblioteko de la lingvo internacia Esperanto. Nurnbergo 1896.

„Prudento au Kredo". Esperantisto 1895, N 2.

„Fransuazo". Lingvo Internacia 1899, N 5.

„Karma". Lingvo Internacia 1899, N 6.

„Pri la edukado de infanoj". Revuo Internacia, 1902, N 5.

„Pensoj de Saĝeguloj". Lingvo Internacia 1904, N 7.

„Tri Mortoj", trad. M. Ŝidlovskaja. Lingvo Internacia 1910, N 11.

Напоминаемъ нашимъ читателямъ, что, одновременно съ выходомъ N 1 RIGA STELO, долженъ появиться въ свѣтъ „Адресъ-Календарь Русскихъ Эсперантистовъ", издаваемый группою московскихъ студентовъ. Дополнительный списокъ лицъ и обществъ, почему либо не вошедшихъ въ означенный Адресъ-Календарь и приславшихъ свои адреса въ Редакцію RIGA STELO не позднѣе 1-го января 1910, будетъ напечатанъ въ январскомъ номерѣ нашего журнала.

## Газеты и журналы. Gazetaro.

*Этотъ отдѣлъ посвящается исключительно періодической прессѣ. Мы просимъ нашихъ друзей присылать намъ статьи и матеріалы касающіеся какъ языка Эсперанто въ частности, такъ и вообще всѣхъ вопросовъ эсперантизма въ предѣлахъ нашей программы. Особая просьба къ Редакціямъ газетъ и журналовъ о взаимномъ обмѣнѣ, что, надѣемся не встрѣтитъ особыхъ препятствій для сихъ изданій, если принять во вниманіе, что этотъ обмѣнъ для многихъ изъ нихъ послужитъ прекраснымъ средствомъ рекламы, такъ какъ не надо забывать, что кругъ читателей Звѣзды*

*Риги не ограничивается одной Россіей, а разбросанъ по всѣмъ частямъ цивилизированнаго міра.*

*Tiu-ĉi fako estas dediĉita al la periodika preso. Ni tre petas, ke niaj amikoj sendu al ni materialojn, kiel koncerne la lingvon Esperanto precipe, tiel ankau pri ceteraj demandoj de la Esperantismo. Aparte ni atentigas la Redakciojn de ĉiuj gazetoj kaj ĵurnaloj pri la bonvola interŝanĝo, kiu, ni esperas, trovos afablan resonon, se oni konsideros, ke tiu ŝanĝo por multaj el ili estos bonega rimedo de reklamo, ĉar oni ne devas forgesi, ke la legantaro de „Riga Stelo" ne estas premita de la limoj de Ruslando, sed dissemita en ĉiuj partoj de la terglobo.*

По словамъ газеты „Dsimtenes Wehstnesis", (10. XI., 10) языкъ Эсперанто оффиціально введенъ какъ обязательный предметъ во всѣхъ училищахъ въ Болгаріи.

Въ N 230 отъ 6 X 1910 той же газеты помѣщена небольшая замѣтка объ открытіи Instituto Esperanto въ Москвѣ.

„Голосъ Москвы", сообщая объ открытіи Института для изученія языка Эсперанто, совершенно дѣльно замѣчаетъ: „Международный языкъ Эсперанто не слѣдуетъ смѣшивать съ однимъ изъ его безцѣнныхъ варіантовъ „Ido".

За послѣднее время также были статьи объ Эсперанто въ слѣдующихъ газетахъ и журналахъ: „Утро Россіи": Банкротство языка Эсперанто. „Вокругъ Свѣта", „Красноярскій Вѣстникъ", „Вѣсти", „Hajnt", „Aeg" N 94, „Le Petit Parisien" и др.

30 англійскихъ газетъ и журналовъ помѣщаютъ статьи объ Эсперанто. „Праздникъ Эсперанто", устроенный учредителями Японско-Англійской выставки въ Лондонѣ, вызвалъ отголосокъ во многихъ англійскихъ газетахъ, изъ коихъ можемъ назвать: „Daily Chronicle", „Daily News", „Daily Mail", „Observer" и др.

Рижскій журналъ „Современная Контора" съ начала этого года началъ помѣщать статьи, имѣющія цѣлью обратить вниманіе мѣстнаго купечества на то значеніе, какое въ настоящее время пріобрѣлъ языкъ Эсперанто для торговаго міра, а именно въ № 3: „Необходимость, распространеніе и значеніе яз. Эсперанто." и въ № 6: „Эсперанто и Купецъ".

Въ органахъ двухъ большихъ торговыхъ организацій г. Берлина: „Der Handlungsgehilfe" (Сподручный) и въ „Извѣстіяхъ Берлинскаго О-ва Взаимопомощи" помѣщено нѣсколько статей г. Бореля, редактора журнала „Germana Esperantisto".

Въ „Germana Esperantisto" за истекшій годъ помѣщенъ цѣлый рядъ статей, освѣщающихъ ту симпатію и широкое распространеніе, которое пріобрѣлъ яз. Эсперанто за послѣднее время среди нѣмецкаго купечества.

Іюльская книга журнала „Dokumente des Fortschritts" дала сразу четыре статьи объ Эсперанто: г. Климке, генерала Себеръ и д-ра Берендтъ, а также замѣтку „Объ эсперанто и воздухоплаваніи."

Вѣнская „Oesterreichs Illustrierte Zeitung" регулярно помѣщаетъ пропагадныя статьи объ Эсперанто, изъ которыхъ нельзя не отмѣтить статью „Конгрессъ Эсперанто" Сергѣя Винкельмана, автора книги „Der Esperantismus", нашедшей столь широкое распространеніе среди нѣмецкой читающей публики.

По словамъ „Оффиціальнаго Бюллетеня" торговой палаты въ Швейницѣ, эта палата въ одномъ изъ своихъ публичныхъ засѣданій признала необходимость и пользу введенія языка Эсперанто въ сферу коммерческаго дѣла. Поэтому она высказалась за желательность скорѣйшаго введенія его въ среду купечества своего округа, въ виду той несомнѣнной пользы, которую можетъ оказать примѣненіе языка Эсперанто въ различныхъ отрасляхъ торговли и преимущественно для экспортной торговли. Швейницкая тортовая палата — одна изъ наиболѣе значительныхъ въ Германіи: къ ней тяготѣетъ значительный горно-промышленный и фабричный раіонъ, а также нѣсколько всемірно извѣстныхъ курортовъ, ежегодно посѣщаемыхъ тысячами иностранцевъ. Вслѣдствіе этого вышеприведенное мнѣніе торговой палаты г. Швейница имѣетъ весьма важное значеніе, какъ для торговли этого раіона, такъ и по отношенію пропаганды самаго языка Эсперанто. Этотъ фактъ пріобрѣтаетъ въ нашихъ глазахъ еще большее значеніе, едди вспомнимъ, что ни для кого не составляетъ секрета, насколько чутко жители нашего города вообще и рижское купечество въ частности, относятся ко всему тому, чѣмъ живетъ, чѣмъ дышетъ и чѣмъ интересуется сосѣдняя съ нами нѣмецкая страна.

Въ „La Verda Standarto" (Budapesto. VI. 1910.) г. Г. Коловратъ помѣстилъ интересную статью о сходствѣ, по своему строю и грамматики, языка Эсперанто въ венгерскимъ. Было бы желательно, чтобы кто-нибудь изъ компетентныхъ лингвистовъ обратилъ вниманіе на эту статью и ближе заинтересовался этимъ вопросомъ.

Въ небольшой, но толково написанной статьѣ въ № 8/9 1910 „Germana Esperantisto", г. F. Ellersiek приводитъ яркій примѣръ къ какимъ, несовмѣстнымъ съ понятіемъ добросовѣстности, пріемамъ иногда прибѣгаютъ лица, желающія видѣть въ Эсперанто не то, что оно есть на самомъ дѣлѣ. Къ сожалѣнію, не имѣя возможности привести цѣликомъ содержаніе этой статьи, мы горячо рекомендуемъ ее вниманію безпристрастнаго читателя!

En la N 22 de „Lebenskunst" S-ro, S. Straus publikigis artikolon „Refoje pri la lingvo tutmonda de l'estonto", en kiu l'autoro, pledante l'ideon de unika neutrala lingvo, samtempe penas senkriditigi la lingvon Esperanto, per lerta ĵonglado kun ciferoj! Se l'autoro dezirus esti sincera, li devus atentigi ne pri la malpligrandigo de apartaj anaroj, kio venas kiel tialo de ilia kunorganiziĝo kaj kuniĝo en societojn kaj asociojn, sed pri la kontinua kresko de la nombro de ĉiuj amikoj de Esperanto kaj la pligrandigon de nombro de la lernejoj, kaj la lastempe eç de ştatoj, en kiuj la lingvo Esperanto okupis lokon en la lerneja programo.

Tiaj „amikoj" de la lingvo internacia meritas, ke oni montru al ili la limojn de la konscienca prudento.

## О литературныхъ переводахъ на Эсперанто.

## Pri la literaturaj tradukoj en la lingvo Esperanto.

*Въ этомъ отдѣлѣ будутъ помѣщаться свѣдѣнія о переводахъ еще не опубликованныхъ. Редакція покорнѣйше проситъ лицъ заинтересованныхъ не отказать ей въ присылкѣ свѣдѣній о таковыхъ.*

И. Винзарай. Капитанская Дочка. Повѣсть А. Пушкина.

Г. Оганезовъ. Бѣдная Лиза. Повѣсть М. Карамзина.

М. Широковъ. Дубровскій. Повѣсть А. Пушкина.

В. Ф. Шмурло. Князь Серебрянный. Романъ гр. А. Толстого.

И. Элертъ. Почта. Разсказъ А. Чехова.

*En tiu-ĉi fako ni donos informojn pri la tradukoj ne ankorau publikitaj. La Redakcio petas sciigi ĝin pri tiuj laboroj, faritaj au farataj.*

J. Vinzaraj. Kapitana Filino. Novelo de A. Puŝkin.

G. Oganezov. Malfeliĉa Liza. Novelo de M. Karamzin.

M. Ŝirokov. Dubrovski. Novelo de A. Puŝkin.

W. F. Ŝmurlo. Princo Serebreny. Romano de grafo A. Tolstoi.

J. Elert. Poŝto. Rakonto de A. Ĉehov.

## Отвѣты Редакціи. — Respondoj de la Redakcio.

TIFLISO. S-ro Fiŝer. Koran dankon por Viaj manuskriptoj!

BERLINO. Firmo Möller & Borel. Ni esperas ke la libretoj de Esperanta Biblioteko, farante belan ornamon de „Riga Stelo", ankau estos bonega reklamo por via firmo.

## СОДЕРЖАНІЕ.

Отъ Редакціи. ЛЕВЪ ТОЛСТОЙ. Къ нашимъ Читателямъ и Сотрудникамъ. О Сущности Эсперантизма. ВОПРОСЫ ЯЗЫКА. Объ Эсперантскомъ Стилѣ. УНИВЕРСАЛЬНАЯ ЭСПЕРАНТО-АССОЦІАЦІЯ. Изъ рѣчи Г. Годлера на 1-мъ Конгрессѣ У. Э. А. Статистика. ЭСПЕРАНТО НА ПРАКТИКѢ. Преподаваніе языка Эсперанто. Эсперантскіе Конгрессы 1910. Практическіе Вопросы. Графъ Л. Н. Толстой. ЛИТЕРАТУРНЫЙ ОТДѢЛЪ. Л. Андреевъ. Бенъ-Товитъ. Пер. А. Фишеръ. Искры. Стихотвореніе въ Прозѣ. ХРОНИКА. БІБЛІОГРАФІЯ. ГАЗЕТЫ И ЖУРНАЛЫ. О Литературныхъ Переводахъ ПОЧТОВЫЙ ЯЩИКЪ РЕДАКЦІИ. АДРЕСА лицъ желающихъ переписываться на Эсперанто. ОБЪЯВЛЕНІЯ.

## ENHAVO.

Avizo de la Redakcio. LEO TOLSTOI. Al niaj Legantoj & Kunlaborantoj. Pri la Esenco de la Esperantismo. LINGVAJ DEMANDOJ. Pri la Esperanta Stilo. UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO. El Malferma Parolado de H. Hodler ĉe la I-a Kongreso de U. E. A. Statistiko. ESPERANTO EN LA PRAKTIKO. Instruado de Esperanto-Kongresoj en 1910. Praktikaj Demandoj Grafo Leo Tolstoj. Bibliografia skizo. LITERATURA FAKO. Fajreroj. Poezio en Prozo. L. Andreev. Ben-Tovit. Trad. A. Fiŝer KRONIKO. BIBLIOGRAFIO. GAZETARO. Pri la tradukoj Literaturaj. RESPONDOJ de la Redakcio. KORESPONDA FAKO. ANONCOJ.

*1. En la januara kajero ni komencas publikigi unu el la verkoj de Leo Tolstoi, plej vers'ajne „La morto de Jvan Jljic" en la traduko de S-ino A. Sharapov (Kostroma), trarigardita de K. Bein (Varsovio). Riga Stelo.*

Редакторъ В. Ф. ШМУРЛО. La Redaktoro W. F. Ŝmurlo.

Типографія „Rigaer Tageblatt" (Павелъ Керковіусъ), Рига, Домская площадь 5.

## Подписку принимаютъ также:

Въ РИГѢ. Книжн. маг. **К. Зихманъ.** Театральная, 9.

МОСКВА. Книжный магазинъ **Эсперанто.** Тверская, 28.

С-ПЕТЕРБУРГЪ, МОСКВА, ХАРЬКОВЪ, Книжные магазины **„Новаго Времени“.**

ВАРШАВА. Кн. маг. **Арцтъ,** Новый Свѣтъ.

ТИФЛИСЪ. Редакція **„Кавказскаго Эсперантиста“.**

## Oni abonas ankau:

En RIGA. Librejo **C. K. Sichmann,** Teaterstr., 9.

MOSKVO. Librejo **Esperanto,** Tverskaja, 28.

S. PETERBURGO, MOSKVO, HARKOV. La librejoj de **„Nova Tempo“.**

VARSOVIO. Librejo **Arct.** Novy Sviat.

TIFLISO. Redakcio de **„Kaukaza Esperantisto“.**

BERLIN. SW. Esperanto-Verlag **Möller & Borel.** Lindenstr. 18./19.
DRESDEN. KOÇENBRÖDA-DRESDEN. **Adolfo Thalwitzer,** Verlag.
STUTTGART. **H. Wildt,** Hofbuchhändler. Königstr. 38.
PARIS. **G. Warnier & Kio.** 15 rue Montmartre.
GENÈVE. **Esperantio,** 10, rue de la Bourse.
LONDON. **„Brita Esperanto-Asocio“.** High Hollborn, 133—136.
WASHINGTON U. S. A. Librejo **Bretanos.** Angulo de la 12-a & Fist str.

Суммы менѣе одного рубля можно пересылать въ Редакцію почтовыми марками или купонами. Болѣе одного рубля — почтовымъ переводомъ или чеками Лондонскаго Эсперанто-Чекбанка.

Sumoj malpli ol 1 Sm povas esti sendataj al la Administracio de RIGA STELO per poştmarkoj au respondkuponoj. Pli grandaj — per poştmandatoj au çekoj de Londona Çekbanko Esperantista.

### KORESPONDA FAKO.

#### Deziras korespondadi per ilustritaj pos'tkartoj.

V. Shmurlo, Riga, Krebsstr. 11.

M. Shirokov, Riga, Nikolaistr. 52/12.

Fanny Mayinger, Augsburg, E 3. Germ.

#### Per ne ilustritaj kartoj.

H. Leitong, Omsk, Kontoro Feint.

#### Apartaj deziroj.

Prof. G. Grozel. A. Collonge sur Saône, Rhône, Franc. pri paleozoaj fosilioj.

**1 рубль = 1 Sm = 2½ fr. = 2 Mk. = 2 shil = 0,50 dol.**

### Тарифъ для объявленій. Tarifo por Anoncoj.

1 Рбл. = 1 Sm = 2 Mk.

Плата за 1 разъ

| Prezoj por unufoja enpreso | | 2 foja | 5 foja | 10 foja |
|---|---|---|---|---|
| 1 pag'o | Sm 25,00 | Sm 40,— | Sm 75 | Sm 100 |
| 1/2 „ | „ 15,00 | „ 25,— | „ 50 | „ 70 |
| 1/4 „ | „ 8,00 | „ 15,— | „ 30 | „ 50 |
| 1/8 „ | „ 4,50 | „ 8,— | „ 20 | „ 30 |
| 1/16 „ | „ 2,50 | „ 4,— | „ 10 | „ 20 |
| 1/32 „ | „ 1,00 | „ 1,50 | „ 4 | „ 10 |

Эспер.-Корреспонденція

Koresponda Fako

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 adreso | 1 × presata kostas | Sm | 0,20 |
| 1 „ | 2 × „ „ | „ | 0,30 |
| 1 „ | 5 × „ „ | „ | 0,60 |
| 1 „ | 10 × „ „ | „ | 1,00 |

Суммы до одного рубля можно высылать марками.

Sumoj malpli ol 1 Sm estas akceptataj en poştmarkoj & respondkuponoj. Pli grandaj — per poştmandatoj au çekoj de Londona Çekbanko Esperantista.


ESPERANTISTA
MK



















